Dedicâta al la junularo

# KATOLIKA MONDO

Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj

Esperanto-Organo de Internacio Katolika [Ika] kaj de Mondjunularo Katolika [Moka]



5a Kolekto No 4 | Zug Svislando | Aprilo 1925

## 5ª Internacia Katolika Kongreso.

### Oxford, 11.—16. Aŭgusto 1925.

**Protektoro:** L. Kard. Moŝto, Msro Bourne, arkepiskopo de Westminster.

**Honora prezidanto:** Msro J. E. Intyre, arkepiskopo de Birmingham.

**Ĉefaj konferencoj: La problemo de raso kaj nacio laŭ la katolika doktrino.**

**1. grupo:** a) defino kaj historia evoluo.
b) raso kaj nacio en la modernaj packontraktoj.

**2. grupo:** Nacio kaj homaro:
a) la nacia problemo rilate al individuo kaj homaro.
b) la juda problemo.

**3. grupo:** La rajto de nacio je memdestino.
a) Nacieco kiel fundamento de politika sendependo.
b) La koloniigo laŭ kristana doktrino.

**4. grupo:** Nacio kaj ŝtato:
a) la nacia problemo en nacie intermiksitaj ŝtatoj.
b) Protekto de la malplimultoj laŭ katolika doktrino.

**5. grupo:** Nacieco kaj apliko de perforto:
a) La kristana doktrino pri nacia ribelo aŭ milito.
b) Interveno de fremdaj ŝtatoj por subteni aŭ subpremi nacian ribelon.

**Fakaj konferencoj** (vidu KM, Marto) okazos i. a. por Esperanto, por la junularo (Moka), gazetaro ktp.

**Kotizo:** 8 S, mk, 10 sfr, 25 fr. fr. ktp. Por junuloj aŭ mairiĉuloj robato laŭ interkonsento.

**Altrangaj raportistoj** estas inter la unuaj: Msro Fischer-Colbrie, episkopo de Koŝice kaj Sro deputato Mauri, eksministro, Milano.

**Mondonacoj** por kovri la grandajn kostojn estas urĝe elpetataj: **unua donaco de 500 sv. fr.** alvenis de nia plej meritplena kunprezidanto Msro Pfeiffer, koŝice. Vivu imitontaj!

**Kongresistoj** estas ĉiuj, kiuj enpagas la kongreskotizon. Ili ricevas presotan kongresraporton.

**Propagandu! Aliĝu!**

## Grandegaj sukcesoj de Ika.

**En Francio** kreiĝis sub protektorato de L. Kard. Moŝto, Msro Dubois, nacia komitato de Ika kun tre altrangaj katolikaj estroj.

**En Italio** kreiĝis du grupoj, unu ĉe la katolika universitato de Milano, alia ĉe universitato en Turino.

**En Portugalio kaj Litovujo** la fondo de naciaj komitatoj sukcese progresas.

**Detalajojn en sekvonta numero!**

## Katolikaj gejunuloj, antaŭen al sankta pacbatalo sub la standardo de l' Espero.

Levu alten la okulojn, karaj geamikoj, al la eternaj montaroj de la Sinjoro! En la altoj brulas depost la miljararo la fajra Dia ĉielsuno, radianta simbolo de la Eterna Amo, traflueganta ĉionvivige la teruran silentan nokton de la universo.

El la altoj fluas la misteraj senfinaj fontoj de la Dia Vivo, ekvekanta ĉion bonan, ĉion vivan, ĉion ĝojan en la fruktoriĉaj kamparoj de la tero kaj en la nevideblaj paradizaj fruktosulkoj de la homaj koroj.

El la altoj malsuprenvenas la ĉionpurigema fajro de la Sankta Spirito por estingi la deformigajn pekmakulojn kaj renovigi la virgan vizaĝon de la tero per la manoj kaj koroj de la puraj, sanktaj, bonaj, dionserĉemaj homoj.

**Renovigi la vizaĝon de la tero per la ĉionekflamiga fajro de la Spirito Sankta! Karaj gejunuloj! Kia sankta, enkuraĝiga, mistera tasko!**

**Jen via tasko! Tasko de la nuna junularo katolika. Dio volas ĝin! Dio vokas vin! Venu vi ĉiuj!**

En viaj brustoj ja fortege batas la ventego de ĉiuj sanktaj, eldiaj idealoj! Tra viaj vejnoj ruliĝas la heroa sango de la martiroj el ĉiuj kristanaj centjaroj. El viaj okuloj flamas la fiera, kuraĝa fajro de la mezepokaj krucbatalantoj! En viaj animoj bruladas la viva Dia regno por renovigi la vizaĝon de la tero per la ĉielaj fortoj de la Dia Spirito!

En viajn ĉastajn, purajn, virgajn manojn metas la pasanta generacio siajn plej amatajn idealojn, sanktigitaj per la oferoj kaj la laboroj de multaj generacioj . . .

Do, karaj gejunuloj, eklevu la okulojn al la montaroj de la Sinjoro, el kiuj venas lumo kaj vivo kaj forto.

Unuiĝu vin el ĉiuj landoj kaj lingvoj kaj racoj sub la verda standardo de la Krista Espero! Etendu ĉielen la manojn kaj ĵuru la sanktan ĵuron de la servantoj de Dio: fidele al Jesuo kaj al la Dia Regno ĝis la fina venko!

Unuiĝu vin kiel kuraĝaj batalantoj kun nia tutmonda movado! Marŝu! Batalu! Preĝu! Laboru! Dio volas ĝin! Dio vokas vin! Antaŭen!

La Vokanto.

## Abner la Judo.

Verkis A. T. Sadlier; trad. Dom W. Broens, St. Vincent insulo.

La hebreo sulkigis iomete la brovojn, sed ĉesigis pluan diskutadon, ekzaminante la miniaturon, kies valoron li ekkonis tuj! — Ho, tiu ĉarma vizaĝo! Ĉu ĝi ne havas trafan similecon al lia perdita Estero? —

„Kiom mi al vi donos?“, demandis fine la judo. La virino nur nomis modestan sumon, kiu, ŝi diris, estus sufiĉa ĝis kiam ŝi retrovus laboron. La bonvola naturo de la hebreo malseveriĝis ne nur pro la evidenta afliktiĝo de la virino, sed ankaŭ pro la simileco — efektiva aŭ imagita — de la miniaturo al sia amata Estero. Post kelka bezitado, do li eltiris la grandan montirkeston, kaj donis la sumon, certigante, ke la pentraĵo estos tute sendanĝere konservita en siaj manoj . . .

La ĉarma bildo havis magian influon je la maljuna Abner. Je la vinteraj posttagmezoj, kiam frue vesperiĝas, kaj li sin kutime retiris en la ĉambreton post la butiko, li prenis la miniaturon de la muro por studi la belan vizaĝon. Ĝi rememorigis lin nepre al lia gaja, amata, bela Estero — dum li ankaŭ vidis aliajn, ĉarmajn, ĉielajn traitojn. Trastudante la Testamenton kaj la antikvajn volumojn rabenajn, la hebreo legis profetajn vortojn pri virgino, patrino de venonta Mesio kaj pri la pratipoj, tiel ke liaj antaŭjuĝoj komenciĝis malaperi kiel la matennebulo forkuras antaŭ la oraj sunradioj; kaj kiam senkonsola soleco afliktis ĉagrene lin, li elstreĉis la velkajn manojn, vokante el plej profunda koro:

„Patrino de la Dia Graco, redonu al mi la filinon!“

Post kelke da monatoj revenis la virino por pagi la ŝuldon kaj reakiri la pentraĵon. Abner ne sentis sin inklina fordoni ĝin. Vidante ke la virino estis ankoraŭ ĉifone vestita, li proponis doni duan pli grandan sumon, petante nur, ke la pentraĵo restadus pli longe ĉe li.

„Mi estas sola kaj tre maljuna“, li deklaris, „kaj vi certe bezonas la monon.“

Tiuj vortoj rompis la sindetenemon de la vizitantino, kaj senkaŝe ŝi rakontis al la hebreo, kiel mizera estus sia vivo kaj kiom malfacile ŝi gajnis la monon alportitan. — De tiu momento stranga amikeco ekiĝis inter la judo kaj tiu ĉi virino, kiu naskiĝis en lukso kaj nun devis sperti la plej akrajn dolorojn de la homa sorto. Nun ŝi vivis izoligite kun ŝiaj du infanoj en mizerega domaĉo, multfoje ricevante la bonfarojn de la hebreo, kiu sendis multajn donacojn por la infanoj. De tempo al tempo li pruntedonis denove monon, ĉiam kondiĉe, ke la pentraĵo restus ĉe li pli longe por ĝojigi lian solecon . . .

Subite la maljuna hebreo malsaniĝis. Ĉiuj najbaroj sciis, ke Abner estas mortonta. Aŭdinte la novaĵon nia virino, dankeme, rapidis en lian domon, kie si trovis la malsanulon, deliriganta sur lia lito. Dum ŝi manlerte ordigis la malriĉegan ĉambreton, ŝi zorgeme atentis, ĉu Abner eble rekonsciiĝus kaj ŝi eble povus fari al li ion bonan . . .

Ĝuste kiam varma, roza ruĝiĝo koloretigis la profundbluan ĉielon de Junio, la maljunulo subite duonleviĝis en sia lito, la vizaĝon radianta pro ĝojo, kaj la okulojn brilantaj de elsupera lumo:

— „Vidu, ŝi estas tie, tie!“ li ekkriis, montrante al angulo de la ĉambro. — „Pli bela ol reĝino Estero, kiu venkis reĝan koron; pli reĝa ol Judito, — ŝi — la Patrino de Dio!“

Ektimigite la gardantino kuris al la plej proksima sacerdotejo. La pastro tuj obeis al la urĝa voko por malsanulo sen demandi detalaĵojn. Sed kia surprizo, kiam li subite staris antaŭ la butiko.

„Pro kio“, li diris, „ĉi tiu ja estas judo?“

Aŭdinte la rapidegan klarigon de la virino li tamen eniris. La febro ĉesiĝis rimarkinde; la deliro malaperis, la okuloj estus fikse turnitaj al la bildo, pendanta kontraŭe de la lito.

— „Vi estas kristana sacerdoto“, diris subite la malsanulo, kiam la pastro iris al lia lito. — „Venu pli proksimen, pli proksimen, mi volas ion diri al vi. — — Tiu ĉi — tiu reĝa virgino el Davida domo estas — — estas la patrino de nia Dio!“ — — —

Tutlacigite li falis malantaŭen kaj, longe li kuŝis senkonscie. La sacerdoto atendis preĝante je lia lito; la roza lumo sanĝiĝis en flavan koloron, kaj malaperis iom post iom; la mallumo eniris . . .

(Daŭrigota.)

* * *

## La situacio de la katolika Eklezio en Ruslando.

En la limoj de la sovjetaj respublikoj ekzistas nune la sekvanta situacio de la romkatolika Eklezio:

1. Troviĝas tie la arkidieceso Mohilev kun la sidejo de la arkepiskopo-metropolito en Petrograd (Petersburg). La arkepiskopo Msro Ropp, kaj lia sufragano, arkepiskopo Cieplak, troviĝas devige ekster la limoj de Rusio, la unua loĝas en Polio, la dua en Romo. La administrado de la dieceso ripozas nune en mano de unu pastro en karaktero de ĝenerala vikario. La arĥidieceso Mohileva etendiĝis de Baltika Maro ĝis la markolo Beringa kaj de Arĥangelsk ĝis Ĥarkov kaj Taŝkent. Nuntempe estis forprenita de ĝi Finlando, kreita la nova episkopejo Latvia en Riga, kaj restarigita la dieceso Mińsk. Malgraŭ tio troviĝas tie ankoraŭ 152 preĝejoj katolikaj, 86 pastroj, el kiuj 15 troviĝas malliberigitaj de la bolŝevikoj. La restantaj 70 pastroj, en kiuj estas maljunuloj kaj malsanuloj, devas servi 152 preĝejojn kaj 320.000 Katolikojn. Kelkaj de la pastroj estas paroĥestroj en kvin aŭ pli paroĥoj, kies kuna spaco estas kelkfoje pli granda ol kelkaj ŝtatoj eŭropaj kune prenitaj. En la kuranta jaro oni liberigis kelkajn pastrojn el la malliberejoj, sed oni forsendis ilin Polion kaj malhelpis labori en la paroĥoj.

2. Antaŭ kelkaj faraj estis kreita en la orienta Siberio la nova dieceso en Vladivostok. Ĝi estis eligita el la arĥidieceso mohileva. Episkopo de la Vladivostoka dieceso estas episkopo Sliwowski. Li havas ne pli ol 6 paroĥojn kaj same pastrojn, kaj ĉirkaŭ 20.000 kredulojn.

3. La dieceso Tiraspol kun sidejo episkopa en Saratov estis krom la arĥidieceso mohileva la plej etendita dieceso katolika en Rusio. Ne longe antaŭ estis apartigita de ĝi Krim kaj Kaŭkaz, kaj la Besarabio estis aligita al la dieceso rumana en Jassy. Episkopo tiraspola estas p-ro Kessler, estanta kiel elpelito en Berlin. Lia dieceso posedas ankoraŭ ĉirkaŭ 90 preĝejojn, 100 pastrojn kaj 300 milojn da fideluloj. Plimulte en tiu ĉi dieceso estas la Germanoj, loĝantaj ĉefe en la kolonioj ĉe Wolga kaj en sudokcidento de Rusio, en gubernio Ĥerson. La Poloj kaj la Litovoj elmigris al siaj patraj landoj. Ĉiuj katolikaj institucioj estis detruitaj de la bolŝevikoj.

4. El la sudaj partoj de la dieceso tiraspola, el Krim kaj Kaŭkaz, estis kreita la apostola vikariejo, kiun estras episkopo Smets, holandano, loĝanta en Tiflis. Tiu ĉi vikariejo apostola posedas ĉirkaŭ 30 preĝejojn kaj same la pastrojn, kaj ĉirkaŭ 68 milojn da fideluloj de diversaj nacioj.

5. La pramalnova dieceso Kameneca, nuligita de la cara registaro en 1868 kaj restarigita 1917, troviĝas tute sub bolŝevika regado. Ĝia episkopo, p-ro Mańkowski, loĝas forpelite en Polio kune kun la plimulto de sia pastraro. En la dieceso restis 42 pastroj, administrantaj 113 preĝejojn kaj 320 milojn da fideluloj.

6. El la kunigitaj diecesaj Luceorio-Zytomir (Łuck-Zytomierz), la lasta parto troviĝas tute en bolŝevika lando, kaj el la luceoria diecesa parto kelkaj dekanejoj. La episkopo Dubowski loĝas en Luck (Polio) kaj kiel eble prizorgas ankaŭ la parton, apartigitan de la Riga-a kontrakto. La apartigita kaj sub la bolŝevika regado sin trovanta parto de tiu ĉi dieceso havis antaŭ du jaroj 350 milojn da fideluloj, 107 preĝejojn kaj 68 pastrojn.

7. La dieceso Minsk estis partigita pro la politikaj cirkonstancoj. Unu parto troviĝas en Rusio, la dua en Polio. La episkopo Łoziński, suferinte la bolŝevikan malliberejon, estis forpelita Polion, kaj loĝas en Nowogrodek (Polio). En rusa parto de lia dieceso loĝas ĉirkaŭ 160.000 katolikaj kun 46 preĝejoj, sed nur 14 pastroj! Unu de pastro servas al 12 miloj da fideluloj!

8. Krome estas en bolŝevio la katolikaj Armenoj, havantaj la administrejon apostolan en Tiflis. Da ili estas ĉirkaŭ 58.000 kun pli malpli 50 pastroj kaj preĝejoj.

9. La katolikaj Rusoj orientritaj (da ili estas kelkmil) estas senigitaj de sia tuta pastraro. Ilia eksarĥo pastro prelato Tiodorow suferas en la bolŝevika malliberejo, kondamnita por 10 jaroj. Liaj pastroj estas aŭ malliberigitaj aŭ forpelitaj Siberion.

Ni do starigu la tabelon:

| Diecesoj | Nombro de la fideluloj | Preĝejoj | Pastroj |
|---|---|---|---|
| 1. Mohilev | 320.000 | 152 | 86 |
| 2. Vladivostok | 20.000 | 6 | 6 |
| 3. Tiraspol | 300.000 | 90 | 100 |
| 4. Kaŭkaz kaj Krim | 68.000 | 30 | 30 |
| 5. Kamenec | 320.000 | 113 | 42 |
| 6. Luck-Zytomir | 350.000 | 107 | 68 |
| 7. Minsk | 160.000 | 46 | 14 |
| 8. Armenoj | 58.000 | 50 | 50 |
| 9. Rusoj orientritaj | ? | ? | ? |
| Kune | 1,596.000 | 594 | 396 |

Se oni forkalkulas aliajn naciojn, da Poloj estas sub bolŝevika registaro 1,200.000.

La 10. Februaro estis subskribita la konkordato inter Polio kaj la Apostola Seĝo. La limoj de la diecesoj en Polio estas samaj kiel la ŝtataj. Se la Konkordato estos akceptita de la pola parlamento, la Apostola Seĝo reorganizos la diecesojn en Rusio.

(El „Przegląd Powszechny", eld. de S. J., Kraków marto 1925.) P-ro Jakob Makara.

## Palestino kaj la Zionismo.

Dum ĉi tiuj Pasiotagoj, la okuloj de la Kristanaro, sin direktas en la Sanktan Landon kiu estas sanktigata per la sango de Jesuo.

Milionoj da Kristanoj deziregis, ke ĉi tiu juvelo de la tero kun siaj sanktegaj ejoj estu en la manoj de la Kristanaro. Hodiaŭ estas mirinde malgranda la zorgo de la Kristanaro pri la Sankta Tero. Plej multaj eĉ ne scias, kiom malĝojigaj tie estas por la katolikoj la aferoj. Ne nur estas fakto, ke la sanktejoj de Jerusalem parte estas en la manoj de mohametanoj aŭ de orientaj disaj sektoj. La plej malinda okazintaĵo estas la rapidega disvastiĝo de la zionista movado, kiu nun estas kronata per la solena inaŭguracio de la hebrea universitato, sub asisto de la granda protektoro de la zionismo, Lord Balfour. El letero de amika pastro pri la nuna situacio en Palestino, ni elĉerpas jenon:

„Momente estas tre delikate ion publike diri pri la politikaj aferoj. Oni scias, ke inter la Vatikano kaj la koncernaj registraroj ne estas ankoraŭ finitaj la intertraktadoj. Aliflanke oni timas la forton de la zionismo, kiu havas siajn spionojn en ĉiuj grandaj gazetagentejoj. Do oni nur povas tre ĝenerale konstati la pli malpli konatajn faktojn.

La packontraktoj disigis Palestinon de la granda turka imperio; la franca protektorato, multcentjara ĉesis. Palestino fakte venis sub la protektorato de la Ligo de la Nacioj, kiu donis la mandaton al la angla registraro. Nun, la angla registraro, ne havis liberajn manojn. Pro la cirkonstancoj politikaj dum la milito Lord Balfour en jaro 1917 estis doninta nome de la angla registraro la promeson al la zionistoj, ke ili havos Palestinon kiel memstaran patrolandon. Per ĉi tiu promeso, kiu similas al interkontrakto, Palestino estas fakte elliverata al la zionismo. Gigantaj monsumoj estas kolektataj en la tuta mondo por krei grandajn koloniojn, industriajn entreprenojn, novajn stratojn kaj ferovojojn, lernejojn. Ekzemple estiĝis inter Jerusalem kaj Aim-Karim nova hebrea kolonio kun pli ol 100 domojn kaj la antaŭurbo de Jaffa Tell-Avio, granda industria centro kun plej modernaj fabrikoj depost kelke da jaroj atingis hebrean loĝantaron de 35.000.

Ne mirinde, ke la aliaj loĝantoj, indiĝenoj kaj kristanoj, havas la fortan impreson, ke la hebreoj alvenantaj rapide akiros la tutan landon per sia financa kaj industria supereco, protektata videble per la anglaj protektantoj. En tiu ĉi atmosfero estas komprenebla la grandaj protestoj de la indiĝena loĝantaro kontraŭ solena malfermo de la hebrea universitato per Lord Balfour, kiun oni konsideras kiel protektanton de la zionismo pro politikaj kaŭzoj.

## Junula Angulo.

### Konstanta rubriko por Mondjunularo Katolika (Moka, Ika-junularo).

Redaktata de Wilh. Solzbacher, Honnef a. Rh., Germ., Spiesgasse 1.

(Ĉiujn artikolojn kaj notojn oni sendu nur al ĉi tiu adreso.)

### Praktika laboro!

Al praktika laboro ĉefe estu dediĉata ĉi tiu numero. La bedaŭrinda fakto, ke multaj delegitoj kaj membroj dormas kaj ke multe da aliaj junuloj katolikaj eĉ Esperantistaj, kiuj ja ĝenerale estas idealistaj kaj viglaj, ne kunlaboras en nia Moka, devas ĉesi. Per ĉi tiu numero ni volas veki la dormantajn, voki la flanke starantajn, eĉ pli instigi la laborantajn. Niaj unuaj celoj estas unuigo de ĉiuj katolikoj gejunuloj Esperantistaj kaj plibonigo de niaj praktikaj institucioj. Por atingi ĉiujn Mokaanojn, ni sendas ĉi tiun numeron al ĉiuj, ankaŭ al neabonantoj. Diligente tralegu ĉion, pripensu, ekkonu la konsekvencojn kaj agu laŭ ili!

### Nia oficiala organo.

Por ke niaj amikoj ĉiulandaj daŭre konservu interrilatojn, ni nepre bezonas oficialan organon. Ni havas ĝin: „Katolika Mondo". Ĝi estas nia ligilo kaj enhavas regule rubrikon „Junula Angulo" speciale por Moka. KM estas nia gazeto, ĉar la ideoj de Ika ja ankaŭ estas niaj. La interesoj de la katolikaro tutmonda, pri kiuj raportas kaj por kiuj batalas KM, ja ankaŭ estas niaj interesoj. Ni do devas kaj volas havi komunan organon. Ni volas helpi pligrandigi kaj plibonigi nian gazeton, varbante abonantojn kaj kunlaborante. Se KM kreskos, ankaŭ nia „Junula Angulo" pligrandiĝos, kaj ni baldaŭ havos specialan Moka-aldonon.

KM estu la tribuno de nia movado! Ĝi donas proponojn pri praktika agado, raportas pri sukcesoj kaj malsukcesoj de la katolika junularo ĝenerale kaj de Moka speciale, ĝi estu spegulo de la vivo de Moka.

Sed nenion utilas oficiala organo, se la membroj ĝin ne legas. „Katolika Mondo" estas nia ĉefa interligilo. CO ne povas ofte skribi personajn leterojn al ĉiuj delegitoj. Do kiamaniere membro de Moka aŭ eĉ delegito povas vere vivi en la movado, se li ne legas la gazeton? Unua devo de ĉiu Moka-ano estas aboni KM. Ni ja scias, ke niaj membroj ne estas riĉaj. Sed la abonprezo de KM estas tiom malalta kaj ĝia enhavo tiom valora, ke ankaŭ ĉiu junulo nepre devas pagi tiun malaltan sumon.

### La jarkotizo por Moka

estas laŭvola (escepte en Germanujo). Neniu ligo povas labori sen financaj rimedoj. Ni do atendas, ke ĉiuj delegitoj (ankaŭ tiuj, kiuj en la lastaj jaroj ne faris tion) enkasigos la kotizojn de siaj membroj kaj sendos ĝin al CO aŭ al la redaktanto de JA. Ni ja scias, ke niaj plej multaj membroj estas malriĉaj, tial ni ankaŭ ne fiksis ĝis nun firman kotizon, sed ĉiu pagu almenaŭ iometon.

### Naciaj komitatoj.

Por plivigligi nian movadon en la diversaj landoj, oni devas ĉie fondi naciajn komitatojn. En Germanujo la nacia komitato jam laboras depost 1923, kaj la sistemo de decentrigo montriĝis tre praktika. Tiaj komitatoj eble trimembraj estu fondataj por ĉiuj landoj. Laboremaj kaj kapablaj membroj, kiuj estas pretaj kunlabori, anoncu sin tuj. Tasko de nacia komitato estas propagando de niaj ideoj en la lando, speciale propagando por Esperanto. La komitato daŭre havu rilatojn al la delegitoj. En tre malgrandaj landoj anstataŭ komitato sufiĉas ĉefdelegito. Interesemuloj skribontaj ricevos pli detalajn informojn. Post definitiva starigo de la komitatoj la adresoj estos publikigataj en KM.

### Novordigo de la Internacia Leterinterŝanĝo inter katolikaj gejunuloj.

La internacia korespondado estas nun el niaj plej gravaj praktikaj institucioj. Ĝi estas bonega rimedo por interligi la katolikan junularon de ĉiuj landoj. La gejunuloj povas interŝanĝi ideojn kaj spertojn, kaj per ĉi tio estiĝas fortika sento de solidareco kaj amikeco. Ĉiu Moka-ano havu eksterlandajn korespondantojn.

La sistemo, kiun Moka uzis ĝis nun, ne montriĝis praktika. Adresaro tro rapide malekzaktiĝas kaj senvaloriĝas, kaj ofte noveldono de adresaro estas tro multekosta. Do ni nun sciigas definitivan novordigon: Centra Oficejo havas liston de la korespondemuloj. Kiu volas

# Internacia revuo.

**Internacia revuo** regule raportos pri plej interesaj kaj aktualaj problemoj kaj okazintaĵoj el la katolika aŭ ĝenerale kristana vivo de la tuta mondo. Ni invitas kunlaborantojn el la plej diversaj landoj, ke ili sendu originajn notojn, sed nepre **mallongajn!**

**La eklezio en Anglio:** Laŭ katolika jarlibro 1925 (Catholic Directory) ekzistas en Anglio pastroj 2598 (+ 28); ordenaj pastroj 1433 (+ 1); publikaj eklezioj 2124 (+ 41); katolikaj mezgradaj lernejoj 471 (+ 23) kun 52753 (+ 4884) gestudentoj; popollernejoj 1206 (+ 13) kun 361.000 (+ 8612) gelernantoj; monaĥinejoj 870; tuta nombro de la katolikoj 2,038.855 (+ 33.575). Ĉi tiuj ciferoj montras la viglan kaj ĝojigan agadon de la anglaj katolikoj. La konvertiĝa movado dank' al la senlaca laboro de la laika apostolato pli rapide progresas.

**La katolikoj en la angla mondimperio.** Interesega statistiko:

| | | |
|---|---|---|
| Eŭropo.... | 6,073.140 | Komparu, ke la tuta |
| Asio...... | 2,669.954 | angla mondimperio |
| Ameriko .. | 4,052.321 | havas proksimume |
| Aŭstralio .. | 1,411.508 | 450,000.000 da loĝ- |
| Afriko .... | 753.819 | antoj; do ĉiu 30a |
| entute .. | 14,960.742 | nur estas katoliko. |

**Koncilio en Afriko:** Msro Leynaud, ĉefepiskopo de Algier anoncas la kunvokon de tutafrika koncilio, kies devus okazi dum la sankta jaro 1925. Memoru ni, ke dum la unuaj centjaroj de la eklezio la eklezioj de Afriko ludis decidan rolon en la orienta kaj okcidenta eklezioj. Antaŭ **1600** jaroj okazis la granda Koncilio Niceana, kie partoprenis multaj afrikaj episkopoj! La eklezio reviviĝas!

**Eklezio kaj ŝtato en Italio.** Laŭ ordono de la ĉefministro Mussolini kreiĝis komisio de juristoj kaj kanonistoj por ordigi la rilatojn inter la ŝtato kaj eklezio. Ĉar la tri kanonistoj estis prelatoj el la tri grandaj katedraloj de Romo, la framasona gazetaro en tio vidis „solvon de Roma demando" kaj furiozis timante, ke per tio estus danĝerigitaj la rezultoj de la glora revolucio. Depost la okazintaĵoj de la jaro 1870, la itala ŝtato, simile kiel plifrue aŭ pliposte en aliaj landoj, maljuste konfiskis la eklezian havaĵon kaj posedaĵon de la monaĥejoj. Kiel rekompenso ĝi devigis sin zorgi pri la vivpovo de la pastraro kaj la konservado de la eklezaj konstruaĵoj. Multaj grandaj monaĥoj de la jesuitoj, dominikanoj, teatinoj ktp. tiam estas uzataj kiel kasernoj aŭ ministrejoj. Nur malgranda parto estas redonata ĝis nun ekz. la domo de la jesuitoj (Piazza de Gesù) kaj la oratorio de la S. Filipo Neri. La nomata komisio devas pristudi ĉiujn koncernajn demandojn.

**Katolikaĵoj el Francio.** La grandaj kaj heroaj bataloj de la katolikaro franca estas konataj el la taga gazetaro. La tutlanda ligo por religia defendo sub prezido de ĝeneralo Castelnau nombras jam proksimume 1,500.000 anojn. Interesa estas jena stitistiko el la grandurbo de Paris, kiun oni pritraktis dum la diecesana kongreso lasta.

**La eklezio en Paris.** Por la tuta loĝantaro de 4·4 milionoj estas 1355 pastroj, do por unu pastro 3330 animoj, dum ekz. en Londono por 500 estas pastro. 3 paroĥoj havas pli ol 90.000 animojn, 7 pli ol 60.000, 3 pli ol 35.000 (Tute similaj nombroj kiel la alia „katolika" grandurbo de Wien). Tamen oni konstatas reviviĝon de la katolika vivo. La fama verkisto Pierre l'Eremite alvokis en fajra parolado al la laika apostolato.

**La katolikaj misioj.** Ĉirkaŭ unu miliardo (mil milionoj) da homoj ankoraŭ estas idolanoj. Por kristanigi ilin, laboras 65.000 katolikaj misiistoj, t. e. 15.000 pastroj, 5000 laikaj fratoj kaj 45.000 fratinoj. La Unuiĝo por la Propagando de la kredo kolektas ĉiujare 1,250.000 dolarojn. 1,500.000 membroj per preĝoj partoprenas la zorgojn kaj laborojn de la misiisto. Unu misia pastro zorgas pri 7000 animoj.

**Filipinaj insuloj.** Treege granda estas la manko de pastroj. Kiam la insuloj fariĝis Usona posedaĵo, la framasonoj sukcesis ekziligi la katolikajn (hispanajn) misiistojn. Dum ok jaroj preskaŭ neniu pastro laboris. Poste venis novaj misiistoj el Holando, Belgujo kaj Usono. Tamen ankoraŭ nun la nombro de la pastroj tute ne sufiĉas. En la ĉefurbo Manila paroĥo de 50.000 animoj havas nur unu pastron.

**Paroladoj de jesuito por protestantaj pastoroj.** En Waltham (ŝtato Massachusetts, Usono) P. Devlin S. J., rektoro de la jesuita kolego en Boston, faris serion da paroladoj antaŭ 50 protestantaj pastoroj. La paroladoj okazis laŭ peto de la pastoroj. Li ĉefe klarigis, kiamaniere en la Societo de Jesuo la teologoj prepariĝas al la pastreco.

**Ku-Kux-Klan en Usono.** Ondo de naciismo kaj ŝovinismo ruliĝas en nia tempo tra la tuta mondo kaj en kelkaj landoj eĉ kaŝas sin malantaŭ la masko de kristanismo. Ekzemplo por tio estas la potenca sekreta organizaĵo Ku-Kux-Klan en Usono. Dum la granda milito ĝi fondiĝis, 1922 ĝi jam havis 600.000 membrojn, kaj la nombro de la anoj nun laŭdire estas pli ol unu miliono, kiuj ĉiuj apartenas al la kleraj kaj posedantaj klasoj. La agadmaniero de la ligo estas treege mistera. Dumnoktaj kunvenoj en arbaroj kaj sur montpintoj kun strangaj ceremonioj kaj sekretaj ritoj; flagrantaj flamkrucoj, la insignoj de la ligo; speciala vestaĵaro: longaj blankaj ĉemizoj similaj al monaĥaj vestoj, netravideblaj maskoj kun insignoj de la ordenestroj kaj aŭtoritatuloj, kiuj havas strangajn nomojn, ekz. Grand Dragon, Grand Cyclope, Grand Goblin, Grand Giant, Grand Turk, Exchencer, Grand Sentinel. La plej supera estro de la tuta Ku-Kux-Klan nomiĝas „Imperial Wizard" (imperiestra sorĉisto) kaj „Imperiestro de la nevidebla Regno". Dum la nokto ankaŭ okazos la solena akceptado de novuloj; antaŭ la stela standardo (usona flago) kaj la flamkruco ili ĵuras fidelecon al la Klan. Ankaŭ publike la Klan kelkfoje aperas. Ĝi nun estas giganta potenco kaj timas neniun rimedon kaj neniun krimon por siaj celoj. Kiaj estos tiuj celoj? En la jaro 1915 34 usonanoj sur monto ĉe Atlanta (ŝtato Georgia) ariĝis ĉirkaŭ sia gvidanto William Limmons kaj fondis la „Nevideblan Regnon", por veki la „spiriton de la veraj amerikanoj". Ili estas akraj kontraŭuloj de ĉiu enmigrado. Ilia kristanismo estas ekstreme puritana, kaj ili batalas kontraŭ ĉio, kio ne adaptiĝas al la puritana amerikanismo. Grandega estas la malamo de la liganoj kontraŭ Romo, kontraŭ la katolikismo. La penso pri universala eklezio tute kontraŭas iliajn principojn. Same ili kontraŭbatalas kaj persekutas la anglikanojn, ĉar ankaŭ ili havas sian

## Palestino kaj la Zionismo.

(Daŭrigo.)

Certe estas ke la „romantika" tempo estas pasinta. La kapitalismo kaj materialismo eniras en la Sanktan Landon kaj „kulturigas" ĉion. La „Palestine Land Development Co", kie okcidenta kaj hebrea kapitalismo estas unuigitaj, zorgas por „progresoj modernaj". Luksaj hoteloj ekstariĝas; fremdaj turistoj anstataŭigas la piajn pilgrimkaravanojn. La „Sankta Tero" de Jesuo estas fordonata al la ĉiongluta buŝaĉo de la mamonismo.

La administrado de la „sanktejoj" estas en manoj de komisio de la „Ligo de la Nacioj". Laŭvorte nek la zionistoj nek la angla registaro havas iun kontrolon. Nu, ĉi tiu komisio, kie la plimulto estas nekatolikoj, ĝis nun ne decidis ion definitive. Plej bedaŭrinde estas nur, ke la kristanoj mem ne estas unuecaj . . ."

korespondi, anoncu sin ĉe CO kaj ricevos korespondanton aŭ kelkajn.

Do nun tuj ĉiu delegito faru liston de tiuj gejunuloj en sia distrikto, kiuj volas korespondi. La listo enhavu jenajn notojn de ĉiu korespondemulo: 1. Nomo kaj ekzakta adreso, 2. Aĝo, 3. En kiuj lingvoj vi volas korespondi? 4. Pri kiuj temoj? 5. Ĉu vi kolektas iujn objektojn (poŝtmarkojn, monerojn, ilustritajn kartojn ktp.)? 6. Specialaj deziroj kaj rimarkoj. La liston oni sendu al CO, aldonante iun laŭvolan sumeton. Mallongaj rimarkoj pri la listo aperos de tempo al tempo en KM. CO peros korespondadon ĉefe en Esperanto, sed ankaŭ en naciaj lingvoj. Ĉiu korespondanto nepre devas respondi al ĉiuj leteroj ricevitaj.

### La nunjara internacia konferenco de Moka

okazos samtempe kun la kongreso de Ika en Oxford. Pri la kongreso legu detalaĵojn en alia parto de ĉi tiu numero. Estus bone, se multaj Moka-anoj povus ĉeesti, por ke fruktodona diskutado povu okazi. Pripensu, ĉu ne estos eble ŝpari la necesan monon. Por malmultekosta loĝigo oni zorgos. Proponoj por la konferenco jam nun estas akceptotaj.

### La delegitoj kaj grupoj de Moka

de tempo al tempo raportu pri sia agado. Proponoj por laborado de grupoj baldaŭ aperos en KM. Ĉar ni devas sĉii, kiuj delegitoj vere laboras, ni petas ĉiujn skribi, ĉu ili estas pretaj plu resp. denove labori, ĉu ne.

### Grava informo.

La redaktanto de „Junula Angulo" akceptis la oficon de vicĉefsekretario de Moka. Li povas peri ĉion por CO kaj ankaŭ akceptas abonojn por KM.

### Raporto de la ĉefsekretario de Moka.

Karaj amikoj!

Post longa tempo ankaŭ via afergvidanto ekkaptas la plumon, por raporti al vi en KM pri la ĝenerala stato de nia kara Moka. Bedaŭrinde mi ne povas raporti al vi tre ĝojigajn novaĵojn, ĉar pro manko de financaj rimedoj mi estis devigata akcepti komercan oficon por „povi vivi". Pro tio mi nur povas labori por Moka en mia libera tempo, kion mi ja volonte faras. Estas tre malĝojiga fakto, ke la Moka-anaro ne povis kolekti resp. disponi tiom da financaj rimedoj por la CO. Sed la nuntempaj cirkonstancoj ĉiulandaj komprenigas tion. Des pli ni ĝoju pri la malavara, senlaca agado de kelkaj de niaj amikoj, kiuj ŝparas nek tempon nek monon, por sukcesigi nian movadon. Koran dankon al vi, karaj kunbatalantoj, por via helpo. Daŭrigu vian laboron por la bono de la katolika junularo!

CO kompreneble daŭrigis la laboron, subtenata de la ĉefdelegitoj kaj amikoj de Moka diverslandaj. Speciale nia kara amiko Solzbacher laboras kun granda fervoro. Per lia iniciato ankaŭ Moka nun havas junulan angulon, bone redaktita de li. Je la artikoloj de amiko Solzbacher kaj CO en diversaj ĵurnaloj ni ricevis multajn demandojn, kaj kelkaj interesuloj anonciĝis. Speciale en Holando kaj Latvio ŝajnas esti granda intereso por nia movado. Sed ankaŭ alilande niaj delegitoj ne ripozas. Signo, ke nia Moka vivas! Ĉefaĵo ja estas, ke celkonscie la penso kaj la ideo de internacia repaciĝo kaj kompreniĝo inter la junularo katolika tutmonda estu disvastigata per niaj amikoj!

En komuna laboro kun IKA ni daŭrigos nian laboron! Dio estu kun ni!

München, Fröttmaningerstr. 20 B.

Via sindona
Hanns Sappl
Ĉefsekr. de Moka.

### Kion faros ĉiu katolika junulo aŭ junulino leginta ĉi tiun numeron?

Li (aŭ ŝi) prenu leterfolion kaj skribu:

1. Li abonas kaj samtempe pagas (abonprezojn vidu sur lasta paĝo) KM. Se li jam estas abonanto, sed ankoraŭ ne pagis por 1925, li pagas. Amikojn li instigas fari la samon.

2. Li sendas jarkotizon por Moka, aŭ se li ankoraŭ ne estas membro, aliĝas kaj deklaras, ĉu li estas preta fariĝo delegito.

3. Se li volas korespondi, li sendas la necesajn notojn.

4. Se li povas kunlabori al „Junula Angulo", li sciigas tion.

5. Li sciigas eventualajn proponojn por Moka-laboro aŭ aranĝo de Moka-angulo.

Ĉion oni povas sendi al la redaktanto de J. A. Wilh. Solzbacher, Honnef a. Rh. (Germ.), Spiesgasse 1. (Daŭrigota.)

centron en eksterlando. Oni rigardas ilin kiel „duonkatolikojn“. Viktimoj de la milito kontraŭ Romo kaj Canterbury jam estis multaj preĝejoj bruldetruitaj de la anoj de „pura amerikanismo“. Aliaj malamikoj estas la judoj, la negroj kaj la enmigrantoj ĥinaj kaj japanaj. Tre ofte jam okazis, ke tiaj personoj mistere malaperis aŭ estis kruele turmentataj de maskitaj viroj: Ku-Kux-Klan!

**Stranga urbo** estas New York, la plej granda urbo de Usono. Ĝi havas pli ol 5·5 milionojn da loĝantoj, el kiuj pli ol 2 milionoj naskiĝis en eksterlando. En New York loĝas pli multe da italoj ol en Roma, pli multe da irlandanoj ol en Dublin, pli multe da germanoj ol en Bremen kaj dekono de ĉiuj judoj de la mondo. Ĝi havas pli multe da telefonoj ol London, Paris, Berlin, Leningrad (Petersburg) kaj Roma kune. Ĝi havas kvin el la plej grandaj pontoj de la mondo, de kiuj ĉiu estas pli longa ol unu mejlon. La urbo havas 1500 preĝejojn de ĉiuj religioj, kiuj ekzistas. Pli multe ol 800.000 vizitantoj venas ĉiutage en tiun urbon. En distanco de 52 sekundoj alvenas vagonaroj. En ĉiu 13a minuto okazas edziĝo, en ĉiu 6a minuto infano naskiĝas. En ĉiu 10a minuto nova komerca entrepreno fondiĝas, en ĉiu 51a minuto nova konstruaĵo estiĝas. Jen New York.

**Nombroj el la „kristana“ Eŭropo.** En Belgujo ĉiujare 250.000 nenaskitaj infanoj estas mortigataj en la patrina ventro, en Francujo 300.000 ĝis 400.000. En Germanujo la nombro laŭ la raportistino ĉe la lastjara kongreso de katolikaj virinunuiĝoj en Hildesheim estas 200.000, aliaj kompetentuloj taksis ĝis 300.000, ĝis 400.000. Do pli ol unu miliono da infanoj nur en la supre nomitaj tri landoj estas ĉiujare mortigitaj. — En 1923 naskiĝis po 1000 loĝantoj en London 20, en Paris 16, en Berlin 9 infanoj. Komentaro superflua! Eŭropo formortas . . .

**La Societo de Jesuo.** La jesuita ordeno nun havas 18.718 anojn, el kiuj estas 9052 pastroj, 5427 pastriĝontoj kaj 4194 fratoj. Tio estas 414 membroj pli ol dum la pasinta jaro. La Societo havas ses „asistencojn“: Italujo, Germanujo, Francujo, Hispanujo, Anglujo kaj Ameriko kun 32 provincoj kaj vicprovincoj. Por komparo ni aldonas, ke la franciskana ordeno havas ĉirkaŭ 17.000 anojn, el kiuj 2662 pastroj kaj fratoj agas en 36 misiaj distriktoj. La franciskana ordeno havas la plej multajn misiistojn.

# Recenzejo.

## Esperanto-literaturo.

**Pro Iŝtar,** romano el la antikva Babela historio, originale verkis H. A. Leyken, eldonis Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, broŝ. —.—, bind. —.—.

Originala romano, multvalora el la Babela historio. La orientaj freŝaj koloroj kaj la historia scenaro estas tre trafaj. La preskaŭ kompleta manko de originala Esperanto-literaturo plialtigas la valoron de ĉi tiu verko.

**Oomoto,** fremdlanden-propoganda Oficejo, Ajabe, Japanio.

Oomoto estas nova tre interesa instruado religia en oriento. Kio estas bona kaj taŭga en ĝi, estas vere kristana kaj katolika. Hontiga estas certe por okcidentanaj kristanoj, se ni vidas, kiom da religia spirito regadas en tieaj homoj kaj movadoj, dum la okcidento estas komplete falinta en materialismon. Vere la oriento havas mision por la okcidento, kaj se ni vidas religiajn movadojn de Oomoto aŭ la profundan kristanismon de Shadu Sundhar Sing ni komprenas eble pli profunde, ke la batalo inter la materialismo de la okcidento, kaj la spiritismo de la oriento fakte nun ekkomenciĝis. Mi ne diras tion por progagandi Oomotoismon! Sed kiuj havas intereson vidi bildon el tiu ĉi atmosfero religia, legu la broŝureton!

**Ilustrita gvidlibro de Rimini,** verkis Prof. Carolfi, eld. L' Esperanto, S. Vito al Tagliamento, Ital. 0·80 fr.

Tre bela ilustrita gvidlibro. Por pilgrimantaj Italion vere rekomendinda. Oni vidas la belaĵojn de la banurbo internacia.

# Anoncetoj-Korespondado.

Por dufoja enpresigo ĝis 20 vortoj 1 sfr. aŭ 4 respondkuponoj. Antaŭpago nepra kondiĉo.

S[ro] **Klemens Wieczorek, Ratibor,** Silezio, Germ. Marienstraße 72, deziras korespondadi kaj interŝanĝi L. Pt. E. G.

S[ro] **Józef Bulski, instruisto powiat Skierniewice, poczta Gluchów. Polio,** deziras korespondi kaj interŝanĝi per poŝtkartoj ilustritaj kun ekstereŭropanoj.

S[ro] **Józef Kotecki, instruisto, poczta Gluchów, powiat Skierniewice, Polio,** deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn kun ĉiuj landoj.

# ★ Tra la Esperanta Mondo. ★

(Sub ĉi tiu rubriko ni publikigas gravajn sciigojn! Kunlaboru!)

**La XVII[a] Universala Kongreso de Eo.** 2.—7. Aŭg., Ĝenevo. Ĝis fino de Februaro aliĝis entute 150 personoj el 17 diversaj ŝtatoj. Antaŭkongreso estos en Bern, sabaton, 1. Aŭgusto. Postkongresa karavano tra la tuta bela Svislando (Ĝenevo, Montreux, Interlaken, Luzern, Vierwaldstättersee, Pilatus, Rigi, Flüelen), Zürich laŭ speciala programo. Adreso Max Blankenstein, Potsdamer Bahnhof, Berlin W. 9.

**Internacia Scienca Asocio Esperantista.** La konferenco pri Eo en sciencoj okazos en Paris, 14.—16. Majo en Oceanografia instituto. Inter la patronada komitato troviĝas altrangoj membroj de la Franca Scienca Akademio. La solena malferma kunsido okazos en la Sorbonne.

**Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio** reviviĝas. Interesemuloj ricevas la ligbultenon ĉe Dro Briquet, 31 Rue de la Bassée, Lille, Francio. La internacia medicina revuo aboniĝas per Dro Mezei, Teres korut 4, Budapest.

**Universala Esperantista Pacifista Ligo,** kiu dum la kongreso en Wien aranĝis tre sukcesan kunvenon alvokas la diverslandajn Eo-asociojn, ke ili nomu naciajn delegitojn por kompletigi la organizacion ĝis la XVII[a] universala; ĝenerala sekretario: Rudolf Michael Frey, Wien, III., Bechardg, 14.

**Radio kaj Esperanto.** El ĉiuj landoj venas feliĉaj sciigoj pri kursoj aŭ propagandparoladoj pere de radio; neeble elnombri ĉiujn; nur kelkaj gravaj: Paris (Radio-Paris kaj Supera Poŝta-telegrafa lernejo), Berlin, Hamburg, München, Münster, Romo, Moskvo, Kopenhagen, Montevideo (Urugvajo). Ĝojiga signo pri la venka progreso de Eo.

**La komunistaj Esperantistoj** (Sennacieca asocio tutmonda SAT) aranĝas kongreson 1925 en Wien. SAT havas bonegan semajnan gazeton („Sennaciulo“) kaj monatan revuon kun eldonnombro de pli ol 8000! (Ĉu ekzistas pli da komunistaj Esperantistoj ol katolikaj? Aŭ ĉu la katolikoj dormas?!)

**Sukcesaj kursoj.** En Wien anonciĝis al Eo kursoj pli ol 2500 metiolernantoj, en Magdeburg (Germ.) 1400 infanoj, en Polio 400 policanoj . . .

**Naciaj kongresoj.** La angla kongreso okazos 29. Majo ĝis 2. Junio en Leamington Spa. Sekretario C. C. Goldsmith, 31 Stafford Road, Handsworth, Birmingham.

**Esperantista Literatura Asocio.** Ekzamenas ĉiujn manuskriptojn de Eo-verkoj, originalaj aŭ tradikitaj, laŭ ilia bonstileco. La marta raporto plendas pri la granda hezitemo de la eldonistoj, kiuj nun ne volas eldoni novajn verkojn pro mankanta aĉetkapableco de la samideanaro. Administracio: Paul Gerhardtstr. 22, Dresden A 19, Germ.

**2[a] Internacia konferenco pri Esperanto en komerco** 14.—18. Majo en Paris, samtempe kun la granda Parisa fojro. 1500 komercaj ĉambroj estas invitataj. La konferenco, same kiel laŭ unua en Venizo 1922, servas al la peresperanta movado kaj estas des pli grava. Ĝis Marto aliĝis 59 korporacioj kaj komercaj ĉambroj; la loka komitato alvokas ĉiujn samideanojn, ke ili instigu al partopreno la naciajn komercoĉambrojn. Adreso: André Baudet, Komerca ĉambro de Paris.

**Ekonomia kuriero** aperas de nun regule kiel aldono al „Esperanto“ de Ĝenevo. Oni ĝin subtenu per anoncoj! Estas gravega, ke Eo trapenetru la praktikan ĉiutagan vivon. Adreso: 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

**La nacia franca kongreso** okazos dum Pentekosto en Clermont-Ferrand. La provisora programo anoncas ankaŭ Diservon por katolikoj. Do fine signo, ke ankaŭ ekzistas katolikaj Esperantistoj en la mondo, kiuj faras ankaŭ ion alian ol dormi! Kongressekretario: Annet Thomas, 3 rue de l' Ange.



# Naciaj abonejoj de K. M.

## Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio:** F[ino] Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn ĉe Sr. Cyr. Kuta, Wien, I., Schwertgasse 3, II.

**Belgio:** F[ino] J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** S[ro] Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per S[ro] Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio:** S[ro] Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar Mayr, Zŭg).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A, Madrid.

**Hungario:** F[ino] Heleno Fiedler, Pecs, Fabriko Zsolnay.

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio:** P[ro] Ambr. Benkovič, Zagreb, poŝtfako 109.

**Litovujo:** S[ro] Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas.

**Nederlando:** per nia poŝtĉeko No 2121, K. Mayr, Ika, Hoofddorp, Haarlemmermeer.

**Polio:** P[ro] Jak. Makara, Rzeszow, Matopolska, poŝtĉeko: Warczawa 190.809, K. Mayr, „Ika“, Zoug.

**Rumanio:** Tria ordeno de Sankta Francisko, Cluj, Str. Consiliului 5.

**Usono:** S[ro] F. J. Kovarik, 2502 SO., Kedzie Av. Chicago, Ill.

## Atentu niajn poŝtkontojn!

**Aŭstrio:** Wien 130.558, Prof. W. Arnold, Zug.
**Ĉeĥoslovakio:** 303.692 Morawsko-slov. banka, Olmouc „Ika“.
**Germanio:** Breslau 30.578, K. Mayr, Zug.
**Polio:** Warczawa 190.809, K. Mayr, Zoug.
**Nederlando:** 2121, K. Mayr, „Ika“ Hoofddorp.
**Svisio:** VII/1991 „Ika“, Zug.

Enpagilojn petu ĉe Ekspedicio de K. M., Wien, I., Schwertgasse 3 aŭ en C. O. „Ika“, Zug.



## La abonprezoj por la jaro 1925.

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio, Aŭstralio | 2,50 ŝl. | 2 ŝl. | 3 ŝl. |
| Argentino | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio | 3,5 ŝl. | 2,5 ŝl. | 5 ŝl. |
| Belgio, Luksemburgo | 12 b. fr. | 6 b. fr. | 15 b. fr. |
| Brazilio | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio | 16 č. kr. | 10 č. kr. | 20 č. kr. |
| Danio | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio | 10 fr. fr. | 6 fr. fr. | 15 fr. fr. |
| Germanio | 2,40 o. m. | 2 o. m. | 3 o. m. |
| Hispanio | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario | 3,00 o. kr. | 2 o. kr. | 4 o. kr. |
| Italio | 12 l. | 5 l. | 15 l. |
| Jugoslavio | 35 din. | 20 din. | 50 din. |
| Litovio | 6 lid. | 4 lid. | 8 lid. |
| Nederlando | 1,50 fl. | 1,50 fl. | 2 fl. |
| Polio | 3 zl. | 2 zl. | 4 zl. |
| Rumanio | 80 lev. | 30 lev. | 100 lev. |
| Svisio | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono | --,75 d. | —,50 d. | 1 d. |

Rimarko: Nia ekspedicio en Vieno Sr. Cyr. Kutta, Wien, I., Schwertgasse 3, II havas enpagilojn por ĉiuj landoj kaj akceptas monsendojn, precipe el la orienteŭropaj ŝtatoj.

Posedanto kaj Eldonisto: „Ika“, Zug, Svisio. — Responda Redaktoro: D-ro Hloucha, Wien, XVIII., Semperstr. 36. — Presejo: Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.